# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Aprilo 2001 72-a jaro, n-ro 4 (1150)

ISSN 1163.0442 MENSUEL/MONATA

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

**http://www.multimania.com/satesperanto/ *** retadreso: satesper@noos.fr**





# Nagykanizsa



Supre maldekstre:
Bela baroka fenestro

Supre dekstre:
Urbocentro desupre

Maldekstre:
Vespera urbocentro

Dekstre:
Ferhoma domo



**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## EL LA REDAKTEJO....

*Karaj gekamaradoj,*

*la kvara ĉijara numero de Sennaciulo estas en viaj manoj. La redaktoro ŝatus koni vian opinion pri la gazeto - kritikojn kaj esprimojn de kontento. Tamen la ĉefa helpo al la redakcio estas via kunlaboro. Do, sendu al ni diversajn informojn pri la sociala kaj politika vivo en viaj respektivaj landoj. Ni faru el nia Sennaciulo interesan kaj aktualan gazeton de la maldekstra, laborista Esperanto movado, kiu ne hezitas trakti ĉiujn temojn de la aktuala vivo. Ni ja ĉiuj bone scias ke ni vivas tre perturban periodon de la homaro. Ĝi devus inspiri vin verki kaj interŝanĝi opiniojn kun aliaj gekamaradoj el la tuta mondo.*

*La sola rekta kontakto inter niaj membroj estas nia jara kongreso. Do ne neglektu ĝin. Ĝia sukceso aŭ malsukceso nur dependas de vi. Ĉu vi jam aliĝis? Se ne, nepre faru tion tuj. Ni estu nombraj en Nagykanizsa. Ja, SAT estas vi - **SAT-anoj**. Ĝia sorto estas en viaj manoj.*

*Kamaradece via,*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj:
http://www.multimania.com/satesperanto
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 ,
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**



SENNACIECA REVUO

## SCIIGO PRI «SENNACIECA REVUO»

Karaj legantoj,

eble vi legis en Sennaciulo ke nun mi prizorgas la **«Sennaciecan Revuon»**. Tiun decidan paŝon mi bone pripensis, ĉar tiun postenon akompanas ofte neantaŭvideblaj malfacilaĵoj.

Ĝis nun nia S.R. ne aperis. Mi ege bedaŭras tion, des pli, ĉar mi bone scias ke S.R. estas tre ŝatata. La kaŭzoj de la neapero kuŝas plejparte en la cirkonstanco ke mi subtaksis kelkajn komputilajn problemojn. Aldoniĝas la malabunda tempo. Pro manko de bezonataj instruistoj, miaj instruhoroj konsiderinde altiĝis ĝis februaro 2001.

Tamen la horizonto heliĝas. Mi proponis al la P.K. duoblan numeron (2000-2001), kiun ni eldonos antaŭ la SAT-kongreso. Mi ankaŭ kredas ke ĉi tiu duobla numero de S.R. havos enhave bonan kvaliton kaj interesajn legaĵojn.

Finfine mi petas pardonon kaj esperas vian komprenemon.

Kamaradece salutas,

*Michael J. Scherm*




## Por neniam forgesi !

Same kiel ni neniam devas forgesi la krimojn de nazioj kaj Hitler, ni ne forgesu ke ankaŭ la «laborista» flanko faris terurajn krimojn. Jen atesto sur 490 paĝoj, de preslaboristo, komunisto, kiu pasigis 20 jarojn en Siberiaj koncentrejoj. Kial ? La respondon vi trovos en tiu vera historio.

Ĉu vi jam legis ĝin ? Se ne, mendu ĝin ĉe SAT. Ĝi estas verkita en facila Esperanto kaj vi certe ne bedaŭros aĉetante ĝin.

Prezo 140 FRF + afranko.







## HISPANIO

## Viktimoj de la 3-a de Marto

La 3-an de marto 1976, strikantaj laboristoj el diversaj fabrikoj de Gasteiz (Eŭskio) kunvenis en la preĝejo de Sankta Francisko el Asizo por priparoli kaj kunordigi siajn agadojn. La polico ĉirkaŭis la preĝejon kaj alsturmis. Gaso, gumpilkoj, kugloj...pluvis sur la amason tie kunvenintan kaj restigis kvin mortintojn. Estis nenia provoko, nur la superaj ordonoj. En la polica konversacio hazarde kaptita de radioamatoro oni pledas por pli verva agado kaj plendas ĉar la municio elĉerpiĝis kaj oni volas pli. Okazis neniu enketo, nenia juĝo ; rezultis nenia responsulo el tiu masakro. Pasis dudek kvin jaroj.

Pasintan la 16-an de februaro la Asocio de viktimoj de la 3-a de Marto prezentis dokumenton per kiu ĝi petis al la Gastejsa urbokonsilantaro ties subtenon por esti konsiderataj "viktimoj de la terorismo" kaj por ke la urbestraro efektivigu la popolan akuzon kontraŭ la aŭtoroj de tiu krimo.

El la kvin partioj kiuj konsistigas la urbokonsilantaron nur unu subtenis tiun dokumenton, EAJ (Eŭska Naciisma Partio) sindetenis, PP (Popola Partio), PSOE (Socialista Laborista Partio de Hispanio) kaj UA (Alava Unuiĝo) ĝin forpuŝis.

*******

La saman tagon estis inaŭgurita ekspozicio pri tiu okazaĵo sub la slogano "25 jaroj post la 3-a de marto : Ni ne forgesas". La 3-an de marto 2001 estos inaŭgurataj placo sub tiu nomo kaj monumento memore al la viktimoj. La Gastejsa urbkonsilantaro, sub la estro de la PP ankoraŭ ne decidis partopreni nek subtenis la iniciaton. La monumenton pagis popola subskripcio.




Snajpero

## Ankoraŭ validas la privilegioj por la "Falintoj por Dio kaj la Patrio"

La privilegioj daŭras por la mortintoj de la frankisma armeo en la tombejo de Irunjo (Nafaro). Krom tio ke la 432 tomboj pri kiuj ni parolas okupas grandan spacon de la tombejo, la familioj devas pagi nenian luon, ekzistas nenia limtempo por la okupado kaj la tombojn prizorgas la urbaj laboristoj kune kun la armeministrejo.




Tiu ĉi privilegia situacio baziĝas sur akordo de la 4-a de septembro 1936, kiu decidis donaci tiun grandan tombejpecon por "konservi porĉiame la memoron de la herooj falintaj por la nacia kaŭzo". Tiu ĉi akordo ankoraŭ validas kaj sentiĝas kiel majusteco, des pli ke en la irunja tombejo mankas loko por tomboj kaj sur tiu surfaco oni povus konstrui 1200 niĉojn. Oni proponas malvalidigi la akordon kaj redoni la korprestaĵojn al la familioj kiuj private zorgus pri ili.

Tiu propono kadriĝas en la kampanjo por forigo de faŝismaj simboloj el la publikaj lokoj en Nafaro. Tiaspeca propono estis prezentata en la Nafara Parlamento antaŭ kelkaj monatoj, sed forpuŝata de la UPN (Unuiĝo de la Nafara popolo) kaj PSOE.

Snajpero

**Ĉu vi pagis vian kotizon 2001 ?**
**La SAT-kongreso-atendas vian aktivan partoprenon.**




ĈILIO




# Ĉu Ĉilio fine respektos ĉiujn siajn civitanojn?

Ĉilio estas lando, iel fora, tre malproksima por la plejmulto de la homoj. Tie loĝas nun pli ol 14 milionoj da homoj.

Post la diktatura periodo de la generalo Pinochet (inter 1973 kaj 1990), la ĉilianoj retrovis politikan demokrateĉon, elektante novan prezidenton per demokrataj balotoj. Nuntempe, Ĉilio estas unu el la plej viglaj kaj plej riĉaj landoj de la tuta Sudamerika kontinento (kun Brazilio). Sed ĝia ekonomia disvolviĝo, laŭ usona modelo de grandskala liberalismo, daŭre provokas socialajn problemojn. Unu kvarono de la loĝantaro vivas sub la minimuma nivelo de vivrimedoj. En la lando estas 10 % de senlaboruloj kio estas tro por la lando sen socialaj helpoj. La plimulton de ekonomia kresko ĝuas la ĉefurbo Santiago kun siaj 4,6 milionoj da geloĝantoj, je la malavantaĝo de la aliaj regionoj. Pro tio, daŭre malfacile vivas la terkulturistoj, kiuj ĉefe vivas en la nordo kun granda varmo kaj sekeco kaj en la sudo kun pli kaj pli granda malvarmeco. Inter la loĝantoj de la sudo estas indiana popolo nomata "Mapuĉoj" aŭ "Araŭkanoj", kiuj suferas pro maljusteco, homekspluatado kaj nerespekto de iliaj homaj rajtoj. Ekzemple, kutime la Mapuĉoj konas nur kolektivan rajton pri proprieteco kaj ofte ili estas prirabitaj per maljustaj sed "leĝaj" metodoj. De kelkaj jaroj ili konstatis ke foraj entreprenoj por arbaro-ekspluatado aĉetas terenojn kaj fortranĉas la arbojn vendocele. Kiu estas la vera posedanto? Ĉu la kapitalisto kun oficialaj paperoj, apogita de jura sistemo de tiel nomata "demokrata registaro", ĉu la ĉiam tie loĝantaj indianoj?

Nuntempe la junaj Mapuĉoj rezistas okupante tiujn arbarterenojn por malebligi la forhakadon de arboj. Sed plej ofte, kiel ankoraŭ ĉifoje apud Temuko, alvenas policista taĉmento por perforte forĵeti la okupantojn kaj ebligi al la arbarofirmao trankvile haki la belajn eŭkaliptojn. La 400 hektaran terenon defendas komunumoj Nalcahue, Conoco Chico, Nienoco kaj llapeleo kies ĉefoj asertas ke ĝi estas uzurpata de la arbarentrepreno, ĉar ĝi estas ilia posedaĵo laŭ historia rajto. Tamen, la leĝo konsideras la dokumentojn sur kiujn sin apogas la entrepreno kaj rekonas ĝin la vera posedanto de la tereno.

Tiaj situacioj estas tre nombraj. Sed, la Mapuĉoj daŭre rezistas. Tiu rezistemo estas ankoraŭ pli komprenebla se oni konsideras ke tiu indiana popolo neniam estis dominata de la Inkaoj, neniam akceptis la povon de hispanaj konkerantoj kiuj ne sukcesis "pacigi" ilin, kaj rezistis kontraŭ la milita povo de la Ĉilia respubliko inter 1850-1881!

P. Grollemund



# Pligrandiĝas la ekstrema malriĉeco en Latinameriko

La kvanto da homoj kiuj vivas en ektreme malriĉecaj kondiĉoj en Latinameriko pligrandiĝis je 20 milionoj da homoj en la pasinta jardeko atingante la kvanton de 80 milionoj da homoj , laŭ ĕsploro de Internacia Fonduso por Agrara Disvolviĝo prezentita en Romo (IFAD).

La raporto, prezentita de la estraro de la Departamento por LatinAmeriko kaj Karibio de tiu agentejo de Unuiĝintaj Nacioj, sinjorino Raquel Pena Montenegro, estas konsiderata kiel unu el la plej plenaj esploroj pri la kamparana malriĉeco en la kontinento dum la pli ol 20 jaroj de la ekzistado de la Fonduso, pli konata kiel «Banko de la Malriĉuloj».

La plej freŝaj informoj venintaj el centra Ameriko, Venezuelo, Meksiko kaj Brazilo, indikas ke la indicoj pri malriĉeco en la kamparo pligrandiĝis inter 10% kaj 20%, envolvante pli ol 90 milionojn da homoj, grandparte indiĝenojn, informas la raporto.

Laŭ IFAD, 1,2 milionoj da homoj en la mondo vivas per nur malpli ol 1 dolaro tage, tiel distribuataj: 44% en Suda Azio, 24% en sub-sahara Afriko, 24% en orienta Azio kaj 6,5% en Latinameriko kaj Karibio.

*El la gazeto Correio Popular de Urbo Campinas tradukis;*
*João Manoel Aguilera Junior (SAT-membro)*
*klubo@correionet.com.br*

---

TURKIO




# Multaj politikaj malliberul(in)oj mortigitaj de ĝendarma atako

La 19an de Decembro, la turkaj ĝendarmoj komencis «operacion» en 20 malliberejoj, kie pli ol 200 malliberul(in)oj malsatstrikas. Tiuj malsatstrikantoj postulas:
* la forigon de izolkarceroj intencitaj nur por politikaj malliberul(in)oj,
* kuracadon por ĉiuj malliberul(in)oj,
* ke sendependa komitato devus ofte monitori la malliberejojn.

31 el la malliberul(in)oj atingis la 62an tagon de malsatstriko, kaj iliaj sanoj estis (kaj estas) krizaj.

La ĝendarma operacio okazis interne de 18 malliberejoj (sed ili ne sukcesis eniri du aliajn malliberejojn - Umraniye kaj Canakkale). La malliberejo de Ulucanlar en Ankaro estis la unua, kie la ĝendarmoj perforte movis ĉiujn dek malsatstrikantinojn (kune kun tri aliaj el aliaj malliberejoj) en la malliberej-malsanulejon. Tie, ĉiuj el la virinoj rifuzas medicinan intervenon.

Laŭ oficialaj ciferoj, 17 malliberul(in)oj mortis en la malliberejoj. Tamen, sole en la Bayrampasa malliberejo, 21 familioj jam raportis, ke iliaj infanoj estas mortintaj. En ĉiuj el la 18 malliberejoj, pli ol 30 ŝajne estas mortigitaj, kaj pli ol 60 severe estas vunditaj pro la konflikto. Plue, ses malliberul(in)oj memmorti-

gis sin per membrulado. Fakte, oni ne povas scii precizajn ciferojn pri la mortintoj, ĉar la kadavroj ankoraŭ restas interne de la malliberejoj. Dum okazis la ŝtata atako, la policanoj retenis centojn da homoj, kiuj protestis kontraŭ la izolkarceroj kaj ĝendarmaj atakoj.

Pro la cenzuro de komunikiloj, oni tre malfacile povas konstati ekzaktan bildon pri la statoj de la malliberul(in)oj. Tamen, oni raportis ke en ĉiuj malliberejoj, kiuj posedas industri-maŝinaron, la ĝendarmoj faris truojn tra la muroj por ĵeti gasbombojn en la malliberejojn. Ankaŭ, de malproksimo, atestantoj daŭre povas aŭdi pafadojn.

Diskutoj inter reprezentantoj de la registaro kaj la malsatstrikantoj nur daŭris dum du tagoj. Antaŭ tiam, la starpunkto de la registaro estis intence kaj senrespondece malzorgi la aferon. La malliberul(in)oj postulas skribitan certigon pri promesoj de la registaro. La kialo estas, ĉar la ŝtato neniam observis antaŭajn promesojn (post kiam 12 malsatstrikantoj mortis en 1995).

La 19an de Decembro, la ĉefministro Bulent Ecevit anoncis sian intencon transigi la malliberul(in)ojn tuj al la izolkarceroj (sed tiu anonco kontraŭdiris antaŭan aserton de la registaro - kiu jam konsentis prokrasti la efektivigon de izolkarceroj). Malliberul(in)oj forigitaj el la malliberejoj estas transloĝigitaj en izolkarcerojn (ĉu ili estas malsatstrikantoj aŭ ne). La reganto Erdine diris al la gazetaro, ke ili planis la operacion ekde la 15a Decembro. Tiu klarigas, kial ne interesas la registaron diskuti kun la malliberul(in)oj. La Ministro pri Internaj Aferoj diris, ke la celo de la operacio estis «por atingi regon en la malliberejoj» (sed ili jam havis kompletan regon), kaj «ne por savi la vivojn de malliberuloj». La Ministro de Justeco diris, «tiu estis la ŝanco efektivigi la 'F' tipajn (izolkarcerajn) malliberejojn.»

Dum tiuj ĉi krizaj tagoj de la malsatstriko, la politikaj malliberul(in)oj estas atakataj de la registaro per la ĝendarmoj. La sanoj de multaj el la malliberul(in)oj vere estas krizaj, kaj ili ja proksimiĝas al siaj mortoj. Tial, estas ege urĝa afero, ke oni protestu al la jenaj institucioj, por kontraŭstari kaj la atakojn kaj la ĝendarmajn provojn devigi la t.n. «medicinan intervenon».

La gekamaradoj el «Day-Mer» petas, ĉu ni povus telekopii al la jenaj turkaj institucioj:

Prezidento: A.N. Sezer
0090 312 427 1330
Ĉefministro: B. Ecevit
417 5743
Ministro de Justeco: H.S. Turk, 417 3854
Ministro pri Internaj Aferoj:
S. Tantan, 418 1795

*Informo de: R. Blow*

### EL ESPERANTO-GAZETARO

- En FEN-X (revuo de Esperanto-Nederlando), n° de nov.-dec. 2000, tuta paĝo dediĉita al Karlo KLEIN (1926-2000), tre aktiva membro de FLE kaj SAT.
- Ĉiam en FEN-X, n° de marto-aprilo 2001, unu paĝo dediĉita al la situacio de Billy Waldon.
- Daŭre «Heroldo de Esperanto» aludas pri B. Waldon. Vidu la frontpaĝon de decembro 2000.
- La organizado de la forumo de Porto Alegre vekis grandan atenton ĉe la esperanta gazetaro, i.a. en :

* «Heroldo de Esperanto» (10.02.200)
* «Kontakto» (januaro 2001)
* «Esperanto» (februaro 2001)

# MAC-DO (sekvo)

En la februara numero de Sennaciulo, ni aperigis noton pri la ekspluatado de la ĉinaj infanoj farita de MAC-DO, kun la kompliceco de la ĉina registaro.

La 97-a numero de ICEM-ESPERANTO donas al ni pliajn klarigojn.

Ni, Freinet edukistoj, batalas favore al infanrajtoj. Ni ne povas indulge ignori la malbonajn vivkondiĉojn de infanoj, ĉie en la mondo. Ni devas protesti kontraŭ deviga laboro de infanoj, ĉefe kiam tiu laboro estas destinata por plezuro aŭ amuziĝo de niaj propraj infanoj, aŭ de tiuj kiujn oni konfidas al ni. Ŝajnas al ni necese konigi la jenan tekston komunikitan de ATTAC Svedio (sverige @ attac. org) (1)

*"La plej granda parto de 400 laboristoj, kiuj fabrikas ludilojn destinatajn al "Ĝojaj Manĝoj" (Happy Meals) de Mc Donald's restoracioj, estas infanoj malpli ol 14 jaraĝaj.*

*La labortago daŭras 16 horojn, sen ripoztagoj dum la semajno. Ili dormas amasigitaj en ĉambroj, tute proksime de la fabriko.*

*Tiun fabrikon malkovris South China Morning Post gazeto, dank'al informo transdonita de Krista Industria Komitato, kies sidejo situas en Hongkongo. La fabriko nomita City Toys (urbo de la ludoj) situas proksime de urbo Shenzhen, sude de Ĉinio.*

*La infanoj ricevas nur du liberajn tagojn monate, sed ili ne povas eliri el la areo ĉar ne ekzistas transportrimedo ĝis la urbo.*

*La dormejoj estas 18 kvadratmetrojn larĝaj, sen sanitara servo. La litoj ne posedas matracojn. Dekkvin infanoj dormas en ĉiu ĉambro.*

*Knabino raportis al ĵurnalisto, ke ŝi ne havas 14 jarojn, sed ŝi ricevis helpon por falsi siajn legitimaĵojn. Iu knabo, Wang Hanhong diris, ke liaj gepatroj ne ŝatas vidi lin labori en tiu City Toys, sed li devas tion fari por ilin helpi. Estas strange noti, ke ĉiuj loĝantoj de la regiono scias, ke la infanoj falsas la legitimaĵojn, kaj oni facile konstatas, ke ili estas ofte malpli ol 12 jaraj.*

*Mats Lederhausen, membro de la internacia estraro de Mc Donald's ŝajnis surprizita pri malkovro de tiu fabriko. Tamen la entrepreno mendas ludilojn por Ĝojaj Manĝoj rekte en Ĉinio.*

*Krome, la direktoro de la fabriko City Toys asertis, ke li tute nesciis ke infanoj laboras en la fabriko.*



*La sveda direktoro de Mc Donald's, Anders Bylund, ankaŭ ŝajnis surprizita kaj anoncis, ke li humile preĝis al Dio por ke tio estu malvera.*

*Fakte, laŭ raporto de Internacia Organizado pri Laboro, 11% de ĉinaj laboristoj (13,3 milionoj) estas infanoj, ekspluatataj en fabrikoj, kiuj vendas akcesoraĵojn al transnaciaj kompanioj.*

*La junaj laboristoj de City Toys parolas pri siaj kutimaj malsanoj, kramfoj, brustdoloroj, stomakdoloroj, kapdoloroj, pulmo-bronkitaj infektadoj, laksoj, parazitoj...*

*Marx, pri Hindio, skribis pri monstro, kiu ŝatas trinki nektaron el krano de siaj viktimoj. La monstro ankoraŭ vivas kaj movas sian voston.*

*Mi tie haltas, ĉar mi jam sentas la naŭzojn okazigitajn de senpova impreso antaŭ homoj, kiuj kredas je mirakloj de tutmondigo, fronte al ekzistado de tiel multe da doktrinaj hipokritecoj je servo de multnaciaj trustoj."*

*(Ricardo Bonett Locarno, membro de ATTAC en Svedio)*

Ribelimpreso nia estas granda fronte al tiuj maljustaĵoj. Nia devo estas ilin diskonigi. "De l'éthique à l'étiquette" (de etiko al etikedo) estas grupo en kiu ICEM partoprenas. (http; www.crc-conso.com/ etic).

Nia tasko estas disvolvigi la informon ĉe infanoj, ĉe gejunuloj en niaj lernejoj, ĉe familioj. Ni kune devas agi por ke la multnaciaj trustoj ne plu ŝtelu infanecon ĉe multaj geknaboj, dum aliaj infanoj amuziĝas, kaj por ke tiuj trustoj samtempe riĉiĝu.

*Jean Marie Fouqui*

(1) ATTAC : Association pour une Taxation des Transactions financières et pour l'Aide aux Citoyens. (Asocio por taksado de financaj transakcioj kaj helpado al civitanoj) Kreita en 1998, tiu asocio batalas kontraŭ potencego de financaj merkatoj.

# Hispana kolektivista bakejo

En la vilaĝo Garena, kiu estas unu el la plej reakciaj de la Badajoza provinco (Hispanio), la sindikata organizo komencis entrepreni kolektivajn laborojn, kiuj liberigis la plej sindonemajn aktivulojn de la movado el malsato kaj mizero (ĉar ili estis bojkotataj de la burĝaro).
Kiel provon, ĝi starigis kolektivan bakejon, kiu donis bonegan rezulton. Tio pruvas, ke ĉio povas esti entreprenata, se la laboristoj havas fidon en idealo kaj estas pretaj renversi ĉiujn barojn.
La bakeja kolektivo de Garena sukcesis per simpla maniero; tion oni povas fari kie ajn sen granda penado. La anoj de la bakist-sindikata loka sekcio estis strikintaj pro solidaro al maldungitaj laboristoj. Post fiasko de la striko, la loka sindikata federacio ne sukcesis igi la mastrojn redungi ilin. Ĉar ĝi ne povis nek volis lasi tiujn laboristojn senhelpaj, ĝi decidis organizi kolektivan bakejon.
Kunveno estis kunvokata, kiu komplete aprobis la prezentitan ideon. Sed estis obstaklo venkenda, la sama kiu prezentiĝas al la laborista klaso konstante sub la nuna reĝimo ; mankis kapitalo kaj tia tamen estis necesa. Oni bezonis 5 ĝis 6 mil pesetojn. Tamen estis urĝe, por kiel eble plej rapide solvi la situacion de la baklaboristoj.
La laboroj komenciĝis senprokraste. La bakistoj fabrikis mem la brikojn por la bakforno; la masonistoj laboris senpage : la kamparanoj helpis la masonistojn ; aliaj alveturigis materialojn uzante siajn proprajn tirbestojn kaj ĉarojn ; iuj donis monon por aĉeti trabojn kaj lignaĵojn. Unuvorte, ĉiu alportis, kiel li povis, sian sableron ; estis vera homa abelujo, el kiu la krabroj estis eksigitaj. Tie estis nur laboristoj decidintaj labori kaj elteni ĝisfine. La laboroj estis finataj post iom malpli ol monato.
Ĉio plenumiĝis senpage. Per la pruntita mono de la laboristoj kaj et-entreprenistoj oni komencis knedi. Hodiaŭ la kolektiv-bakejo posedas kapitalon da 35.000 pesetoj.
Dum la aktuala krizo de senlaboreco la bakejo donas pan-kreditilojn al la laboristoj, ĝis ili povas trovi okupon kaj kapablas repagi. Ĝis hodiaŭ po 20500 pesetoj da pankredito estas distribuataj inter la laboristoj. El la profito 20% estas dediĉataj al instruado ; tiu ĉi sumo servas por subteni raciistan lernejon, kie estas edukataj la laboristaj filoj: alia parto 20%-a estas donata al la invalidoj kaj kripluloj de la laboro; 20 % al la laboristoj okupitaj en la bakejo kaj la ceteraj 40 % estas destinitaj al la loka sindikata federacio. Momente ĉi lasta lasas sian parton dispone al la kolektiva bakejo, sed se ĝi juĝas tion utila ĝi povas disponi pri ĝi por krei novajn kolektivaĵojn.
Sur la konstruo, en kiu laboras la bakistoj, granda elpendaĵo diklitere diras : "Ĉi tio apartenas al ĉiuj ; ni forigis la mastron, ĉar li ne estis necesa."
Laŭ materia vidpunkto gravaj avantaĝoj estas atingitaj : la pano estas malpli kara kaj pli bonkvalita, ĝi estas vendata je neta prezo. La greno estas aĉetata ĉe farmetistoj je plej favoraj prezoj. Ĉio plenumiĝas laŭ libere konsentitaj akordiĝoj : la bakistoj direktas la laboron, diskutas pri la plej ŝparaj kaj plej produktivaj rimedoj. Unu K-do zorgas pri la librotenado ; administra konsilantaro revizas ĉiujn kalkulojn pri vendo kaj aĉeto.
La kooperativa entrepreno vivas jam pli ol tridek monatojn, malgraŭ tio ke la reakciuloj profetis al ĝi rapidan pereon kaj nun starigis la tezon, ke tia kreaĵo eblas nur en Garena. Niaopinie ĝi eblas ankaŭ aliloke, - ĉie, kie la laboristoj tion volas.

Kompilita laŭ "Liberano"

NDLR: tiu teksto aperis en "Sennacieca Revuo", en Aprilo 1936. Tri monatojn poste eksplodis la hispana revolucio.

## AVENO 22-A

Atingis la SAT-sidejon la numero 22-a de AVENO, bulteno de A.V.E. Kiel kutime ĝi entenas amason da novaĵoj pri ekologio, pri la agado de verdulaj partioj, ... kaj pri E-o.
El tiu numero ni eltranĉas:
AVE-Publikigo : «Verda Mondo»
AVE lanĉis ĉi tiun bultenon por informi politikistojn (aparte verdpartiajn) kaj membrojn de NRO-oj pri la potencialo de Esperanto en diversaj sferoj. La unua numero estis produktita en E-o, la angla kaj la franca. Mi planas eldoni la sekvajn en E-o kaj diversaj etnaj lingvoj, dulingve. La temo de n° 2 estos: "La jaro de la lingvoj (en Eŭropo) - vidu retleteron (A. Ritamäki).
Zoran Ĉirić el Niŝ (Serbio), eldonis nian tradician faldfolion "Kial Esperanto estas la lingvo por la verduloj?" en la serba. Elkoran dankon. Nuntempe ni tradukas la malneton de la EFVP pri la Komuna Ekstera kaj Sekureca Politiko.
Se vi deziras legi la tuton, kontaktu:
Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE)
Sekretario: Manfred Westermajer, Kandelstr. 62, DE-79194 Gundelfingen, Germanio.
rete:
<M.Westermayer@3Landbox.comlink.apc.org>
http://www.comlink.apc.org/ave/welcome.htm

## 4-a listo de kongresaliĝintoj

78. *Aloysia Bensimon(FR); 79. Claude Bensimon(FR); 80. Van den Hoek C.M. (NL); 81. Hoeijenbos C.O. (NL); 82. Rooke Dieter (CH); 83. Delforge Marcel (BE); 84. *Paris Yolande (FR); 85. *Bannier Christianne (FR); 86. *Ehrenfeld Gisèle (FR); 87. *Vincent Hélène (FR); 88. *Marija P. Almada (BR); 89. *Laszay Anna (HU); 90. Yves Peyraut (FR); 91. Tahira Masako (JP); 92. *Auderskaja Tatjana (UA); 93. Geĥt Grigorij (UA); 94.Legros Andreo (FR); 95. *Dupuis Anne-Marie (FR); 96. Ballaguy René (FR);



- Nia rubriko - *Gerardo Rollin, 88 str. Victor Hugo, FR-37400 AMBOISE, a.reto@france-association.com*

## 2e

*Nia amiko Saliko plu priskribas la evoluon de sinnutrado en Finnio.*

La menuoj en Finlando fariĝis variaj kaj internaciaj, principe en la urboj kaj inter la junularo. Ĉiusemajne aperas en la gazetaro receptoj el fremdaj landoj, sed la ingrediencojn ne ĉiam eblas trovi en la vendejoj ekster la ĉefurbo. En ĉiuj urboj troveblas manĝejoj kiuj kuiras «fremde». Male, malfacilas trovi tradiciajn finnajn pladojn en restoracioj. La manĝohoroj iĝis pli malfruaj, pli individuaj, dependaj de la familio kaj laborejo. Ĝenerale finnoj manĝas pli rapide kaj malpli varie ol ekz. francoj.

En la lastaj jardekoj ŝanĝiĝis ankaŭ la sinteno al alkoholaĵoj kaj ties uzo. Finnoj estas ebriiĝema popolo, kaj antaŭe la vendado de alkoholaĵoj estis severe kontrolita aŭ tute malpermesita. Nun nur 10 % el la viroj kaj 15 % el la virinoj diras ke ili neniam uzas alkoholaĵojn. Inoj kiuj trinkas alkoholaĵojn preferas vinon aŭ cidron, viroj bieron kaj fortajn drinkaĵojn. Ankaŭ la junularo pli kaj pli uzas alkoholaĵojn. Ĵus oni leĝe malpermesis drinkadon en publikaj ejoj, sed unuj diras ke tio ne helpos, aliaj diras ke ne ĉiuj gejunuloj drinkas aŭ kondutas perforte kaj stulte kaj ke la narkotikaĵoj estas eĉ pli granda problemo.

Finnoj imagas ke nutraĵoj produktitaj en la propra lando estas pli puraj kaj pli salubraj ol eksterlandaj produktoj. Iuj opinias ke ni manĝu produktojn nur el nia tuja ĉirkaŭo kaj ne fariĝu dependaj de la importado. La lumaj someraj noktoj laŭdire plibonigas la guston de finnaj herboj kaj legomoj, sed la mallonga kreskosezono kaj hazardaj veterkondiĉoj plialtigas la produktkostojn. Kun la aliĝo al la EU oni promesis al ni malaltiĝontajn prezojn de nutraĵoj. Pri la limigoj kaj devigoj ne estis parolate. Nun ŝajnas ke la prezoj realtiĝas, kaj farmistoj estas deprimitaj aŭ koleras pro ĉio fremda kio malplifaciligas ilian laboron. Krome, ekzemple la brutmalsanoj (BSE) kiujn ni ne havas devigas nin al proceduroj ege multekostaj sed ĉe ni ne necesaj. La EU trudas al ni multajn aĵojn kaj agojn, kiujn ni konsideras ridindaj, senraciaj kaj ĝenaj. Se oni simpligas la opiniojn, oni povas diri ke la finna popolo dividiĝas en du partojn: suduloj-urbanoj voĉis por EU, kamparanoj-norduloj kontraŭ la aliĝo.

*Saliko*
*traitapy@jymy.kase.fi*

La lumaj someraj noktoj plibonigas la guston de finnaj herboj kaj legomoj

*Ni estis en Slovakio (eksa Ĉeĥoslovakio) kun geamikoj, kaj ni ne parolis la tiean lingvon. Nur niaj geamikoj parolis kelkajn vortojn. Ni tagmanĝis en skolta restoracio, kiu situis en kuracbanejo. Ni elektis la manĝojn laŭ la prezoj. Je la fino, mia edzo diras : «mi manĝus fromaĝon». Mi atentigas lin pri la eventualaj prezoj. Nia amiko diras: «mi konas la vorton «fromaĝo», estas «sir». Do ili alvokas la kelnerinon kaj petas du porciojn da fromaĝo. Ŝi tuj revenas kun 2 etaj bovloj en kiu kuŝis speco de krema saŭco. Mia edzo diras «ĉu tio estas fromaĝo ?» La amiko jam manĝas sian kaj diras «ĉu vian vi ne volas ? ; mi pagos, do mi manĝas» kaj li la du englutas.*

*Post kelka tempo revenas la kelnerino kun fumanta plado en ĉiu mano. Estas kvadrato blanka kun rizo. Ni tuj komprenas ke tie estas varma fromaĝo kaj ke la bovletoj estis saŭco por tion akompani. Ni estas 7 personoj ĉirkaŭ la tablo, la tablo estas meze de la restoracio. Subite, ni ĉiuj ride kaj brue eksplodas. Ĉiuj rigardas al ni, kiuj ne povas ĉesi ridi.*

*La kelnerino certe komprenis la konfuzon, la du pliaj pladoj ne estis pagendaj de ni ĉe la fino.*

*Tereza*

Tiu manĝotemo havas multajn aspektojn en kultura kaj politika vidpunktoj. Estus bone ricevi plej variajn atestojn.




*Monda Forum de Porto Alegre Februaro 2001. Surstrata marŝado kun provincestro kaj altranguloj. Monda monregado kreas tiun kaoson.*

Vi ne timu ion ajn. Vi parolu sincere kaj simple pri viaj travivaĵoj.

Mi mem estus tre interesata ricevi informojn pri t.n. Solidara Ekonomio. Nuntempe en Francio ekvendiĝas sub la ŝildo Max Havelaar senkemia kafo kun garantio de honesta rilato kun la sudamerikaj rikoltantoj. Sendube la ideo venas el Nederlando, kaj eble niaj tieaj kamaradoj povus priskribi la klopodojn de la « triamondismaj vendejoj «.

Sendu viajn verkojn al Gerardo Rollin; 88, str. Viktor Hugo; FR-37 400-AMBOISE
a.reto@france-association.com






BRITIO

# Pri rifuĝintoj en Britio

Dum la burĝaj komunikiloj en Britio daŭre elŝprucas siajn venenajn atakojn kontraŭ la rifuĝintoj, ni ja povas rimarki ĝenajn kaj faŝismajn eĥojn en la socio tie ĉi.

Nuntempe, la rifuĝintoj frontas gravajn danĝerojn por atingi tion, kaj aliajn okcidentajn landojn. Oni ne povas forgesi la 58 ĉinojn, kiuj surŝipe sufokiĝis provante eniri Brition.

Post la alveno, la aflikto daŭras. Krimigitaj, kelkaj azilserĉantoj estas metitaj en malliberejojn. Sed la pli «bonŝancaj» rifuĝintoj ne malofte laboras malmultekoste en nelaŭleĝaj kaj danĝeraj kondiĉoj, aŭ aliflanke, ili nur ricevas la ege malaltajn ŝtatkuponojn por apenaŭ travivi. Do kompreneble, ili devas almozi surstrate por manĝi.

La brita Laborpartia registaro enkondukis sistemon de disvastigo por la azilserĉantoj. Tio signifas, ke ili estas transportataj al diversaj lokoj en la lando. Ofte rifuĝinto povas atingi urbon, kie tute mankas aliaj gesamlingvanoj, kaj sekve, ia ajn vera subtenreto. Intertempe, eble ili ankaŭ devas suferi rasismon fare de la pli aĉaj geurbanoj, aŭ eĉ fare de la lokaj faŝistoj. Tiel, la azilserĉantoj atendas ĝis... ĝis kiam la ŝtato verŝajne resendos ilin hejmen...

Tamen, oni rezistas tiajn malhumajn agojn. En malliberejoj kiel Campsfield Retena Centro, ili tumultis kontraŭ sia traktado. Ankaŭ, radikalaj aktivistoj el grupo (CAGE) jam rekte kaj eĉ fizike malebligas plurajn elpelojn.

Aktuale, grupo de rifuĝintoj en Liverpulo komencis malsatstrikon. Ili restas en la misnomata «Sunflanka Loĝejo» (Sunnyside Hostel) dank' al la Nacia Azilsubtena Servo (NASS) el Londono. La grupo diras, ke ili nur serĉas azilon, sed la aŭtoritatoj traktas ilin «kiel bestojn.» Nun, la rifuĝintoj voĉdonis daŭrigi sian proteston ĝis iliaj vivstatoj pliboniĝos.

La grupo konsistas el 27 viroj, kiuj alvenis Brition dum la pasinta jaro, de Irako, Irano, Ugando, Burundio, Kongolo, Afganio, Rusio, Albanio kaj Somalio. Fuĝinte la persekuton en siaj landoj, la viroj postulas politikazilon. Fakte, plejparte ili fuĝis severajn danĝerojn, kaj multaj el ili devis forlasi siajn edzinojn kaj infanojn por eviti la morton.

Sed nun en Britio, ili diras, ke oni malbonege prizorgas ilin. Grupa porparolanto diras:

«Ni venis al Anglio por trovi sekurecon, sed oni jam traktas nin kiel bestojn. Ni devis forlasi niajn hejmojn kaj familiojn, alie oni mortigus nin.

«Ĉi tie, al ni mankas varma akvo, decaj manĝaĵoj, vestoj, kaj ni vivas en teruraj statoj. Nia domposedanto malestime pritraktas nin. Dum la manĝado, oni donas al ni tri terpomojn sur telero kun skatolo da faboj (se ni estas bonŝancaj). Oni donis bananon al unu viro, kiu devis dividi ĝin inter tri homoj. La kristnaskon, la domposedanto donis al ĉiuj el ni plastan sakon. Ĉiu sako enhavis tri kulerojn da sukero, tri kulerojn da pulvora lakto, kaj tri saketojn da teo. Tiam, li deziris feliĉan kristnaskon al ni!»

La rifuĝintoj efektive dependis de la loĝejaj aŭtoritatoj por travivi. Sed tio signifis, ke iliaj dignoj estis ŝtelitaj. Tial ili nun decidis forte rezisti tiajn maldignojn.

*Robert Blow*




TURKIO

# Anarĥiistoj en Turkaj malliberejoj

La sorto de anarĥiistaj gemalliberuloj en Turkio ja estas dolorega. Unuflanke, la ŝtataj - aŭtoritatoj atakas ilin, sed aliflanke ankaŭ la pli fortaj stalinismaj partioj faras gravajn problemojn por niaj liberecanaj gefratoj.

Per ia «gangsterismo», tiuj ultrastalinistoj ŝajne jam kreas «pli internan malliberejon», de kie ili tenas iom da povo inter kaj super aliaj gemalliberuloj, kaj de kie ili ankaŭ povas kompromisi kun la aŭtoritatoj.

Ekster la malliberejoj, la anarĥiistoj ankaŭ havas problemojn, kaj por ili la vivo estas iom necerta kaj ofte tre danĝera. Lastatempe, iuj fistalinistoj murdis unu anarĥiiston en malliberejo, kaj mortigis du aliajn liberecanaojn ekster la malliberejoj. Mi nun devas iomete pardonpeti al vi, ĉar mi antaŭe diris, ke la kulpuloj estas anoj el la DHKP-C/Dev Sol («Revolucia Maldekstro»). Fakte, oni ankoraŭ ne konfirmas tion. Miaj gekamaradoj ĉi tie nur aludas pri tiu grupo.

Tiaj problemoj okazas ne nur en Turkio. Kamarado ĵus informas min, ke dum la manifestacio de la 1a de majo en Londono (antaŭ pluraj jaroj), la turka kaj kurda anarĥiista grupo («5a de Majo») kune kun la Solidareca Federacio (brita ILA grupo) estis perforte atakitaj de grupo (DAY-MER). Fakte, pro solidarecaj kialoj mi antaŭ nelonge tradukis tekston de DAY-MER pri la masakroj en la turkaj malliberejoj.

Nun, mi tradukis leteron (sube) de anarĥiista malliberulo (nun antaŭnelonge «liberigita») en Turkio. ĝi montras al ni la seriozajn malfacilaĵojn, kiujn niaj gekamaradoj ĉiutage devas suferi.

Bedaŭrinde, la skribanto (mi ne rajtas malkaŝi lian nomon) ankoraŭ suferadas pro la efikoj de torturo, kiuj ege difektis lian sanon. Nia kamarado ne plu povas labori, kaj nun malfacile povas nur travivi.

Tial, la Grupo 5a de Majo en Londono, kune kun anarĥiismaj grupoj en Turkio faras alvokon por helpi la gekamaradojn en Turkio. Do, se oni volus subteni la anarĥiistajn gemalliberulojn per mono aŭ aliaj agoj, bonvolu kontakti:

cemilebahar@hotmail.com

aŭ

5th May Group
PO Box 2474 London N
Britio

Oni povas skribi anglalingve, turklin-

gve, aŭ (mi kredas) germane kaj eble france al ili.

Amece kaj kolerece,

Rob

*******

# LETERO

«Mi estas anarĥiista malliberulo jam de 5 jaroj.

La Malatya DGM - Ŝtatsekureca kortumo donis al mi 15 jarojn, ĉar mi ne neis miajn anarĥiistan identecon kaj idealojn.

«Mi devis trakti pri ĉiaj problemoj. Oni metis min en blokon regatan de marksismaj-leninismaj malliberuloj.
Tamen, ili ne akceptis min. Ili diris al mi, ke mi devas resti kiel ordinara nepolitika homo, sed ne kiel anarĥiisto. Nur la PKK (Kurda Laborista Parto) akceptis min, kondiĉe ke mi neniam rajtu paroli al iu ajn pri anarĥiismo. Kvankam ili poste iomete koncesiis al mi (pro mia persisteco), ili ne agnoskis mian anarĥiistan identecon. Ili estas moderaj pri mi, ĉar mi antaŭe defendis min ĉe la DGM kiel kurdan anarĥiiston. Se mi ne estus kurda, certe ili neniam permesus al mi eniri la blokon.

«Do mi ne havis elekton. Mi devis postuli, ke ili transigu min al Burdur-a malliberejo. En Burdur estis 4 aliaj anarĥiistaj malliberuloj. Ili memkonvertiĝis al la anarĥiismo, dum ili estis interne de la malliberejaj muroj. Simile al multaj anarĥiistoj en la malliberejoj, ili origine venis el la maldekstro.

«Post kiam oni arestis min, ili torturis min. Sekve, mi malfacile povis spiri, kaj mi suferis pro hepatdoloroj kaj okul- kaj orel-problemoj. Plej grave, mi havis seriozan traŭmaton.

«Mia karcero ne havis klimatizadon, kaj mi eĉ pli malsaniĝis. Mi havis spiradproblemon, kaj kelkfoje mi svenis. Mi proponis al miaj anarĥiistaj kamaradoj, ke ni devus postuli klimatizitan blokon. Ili konsentis. Sed la malliberejaj aŭtoritatoj absolute malakceptis tiun proponon. Ili diris, ke ni devas kontakti la reprezentantojn de la Malliberul-Komitato (regata de la marksismaj-leninismaj organizoj).

«Do, mi klarigis la situacion al ili. Intertempe, mi ne rajtis vidi kuraciston pri mia malsaniĝo. Mi parolis ankaŭ al la reprezentantoj de la MLKP (Marksisma-Leninisma Komunisma Partio) kaj la PKK por peti helpon. Ili ĉagreniĝis. Ili rifuzis helpi nin, ĉar ni estas anarĥiistoj, ne «revoluciuloj». Ili ne opiniis, ke ni povus esti revoluciuloj. Ili diris, ke ni devas ne fari pli da problemoj.

«Do, mi kaj miaj kamaradoj diskutis la aferon inter ni mem. Ni decidis peti, ke ili transigu nin al alia senmarksista malliberejo. Amiko diris al mi, ke mi devus resti interne de la politika bloko, ĝis mi plisaniĝos. Komence, mi rifuzis, sed poste mi mal- trankviliĝis, ĉar mi pli ofte svenis.

«Pro tio mi parolis al la reprezentantoj de la Malliberul-Komitato. La MLKP tuj rifuzis permesi al mi resti en ilia bloko. Aliflanke, la PKK diris, ke mi povus resti nur kiel «ordinara» civitano. Mi estis ofendita, kaj rifuzis tion. Intertempe, la Malliberul-Komitato rifuzis permesi vizitojn de kelkaj el miaj vizitantoj. La kialo estis, ke ni ne estas revoluciuloj.»

(...) «Oni translokigis nin al diversaj lokoj. Oni sendis min al la Konya/Ermenek-a malliberejo. Dum du jaroj mi loĝis tie. Dum tempo, mi restis kun trockiistoj, ĉar ili ankaŭ estis malakceptitaj, kaj simile traktitaj, de la Malliberul-Komitato. Fine, mi konstatis, ke estas tiel malfacile loĝi kun marksistoj. Miaj propraj politikaj emoj estis la kialo de tio.

«Mia sanstato plidanĝeriĝis en la izoliteco. Oni sendis min al la malsanulejo Ankara Numune por havi operacion. Tamen, oni ne povis fari ion pri miaj severaj kapdoloroj kaj orelproblemoj

«Jen, la puno, se vi estas anarĥiisto, vere estas severa. Oni alfrontas nin de ĉie. Mi opinias, ke anarĥiistoj jam estas ege konsciaj pri tio. Mi esperas, ke tiu letero helpos informi vin pri la kondiĉoj, kiujn la anarĥiisto devas fronti en turkaj malliberejoj.»

leteron sendis Rob

*****

# Pliaj informoj pri la situacio en Turkio...

Laŭ la grupo «5a de Majo», du anarĥiistoj en Istanbulo kolektis monon por eldoni broŝurojn. Grupo de aktivuloj (aŭ trudpetantoj) el «Dev Sol» (Revolucia Maldekstro) venis al ilia budo kaj postulis monon. La du anarĥiistoj kompreneble rifuzis tion. Do, post kelkaj tagoj, tiuj du liberecanoj estis murditaj.

La Dev Sol/DHKP (ankaŭ konata kiel THKO kaj MKP-ML - tiuj lastaj skismis kaj fariĝis du malamikaj partioj) neniam malferme konfesas pri la krimo. Tamen, ili alimaniere mencias la murdojn aŭ aludas pri tio, por montri sian povon super la anarĥiistoj.

Same pri la murdita liberecana malliberulo - oni ne povas pruvi, ke Dev Sol faris tion (sen foto estas ne ebla, ĉu ne?) sed ĉiu kredas aŭ almenaŭ supozas, ke ili ankaŭ mortigis tiun kamaradon.

La turkaj kaj kurdaj liberecanoj jam komencis kontraŭbatali tiujn stalinistojn. Sed ne forgesu, antaŭ nur 20 jaroj, la anarĥiistoj ne ekzistis en Turkio. Sekve, vere ne estas «movado» tie, kaj niaj gefratoj ankoraŭ estas tre malfortaj. Nur malfacile ili povas defendi sin kontraŭ la pli fortegaj stalinismaj partioj.

Ankaŭ, la liberecanoj kontraŭas la organizitan perforton. Ili ne estas pacistoj kaj ili ja defendos sin mem, sed ili konstatas, ke ne eblas malgrandigi tiujn gangsterojn per la perforto.

## NOVA SABOTO KONTRAŬ LA ITOITZ-BASENO

Diversaj ekologiistaj aktivuloj kiuj kunformas la grupon Radical depostulis la aŭtorecon de sabotaĵo kontraŭ la Itoitz-baseno. Dum kvar monatoj ili enigis en la arbojn de la valoj Urrobi kaj Irati, kiuj estos subakvigitaj de la baseno, ŝtal-kaj vitronajlojn. Tio malebligos hakadon de l'arboj, ĉar la segmaŝinoj rompiĝas aŭ malakriĝas tre rapide. La metodo estas jam provita en Britio kaj Usono kaj bone pruvis sian efikecon. La grupo deklaris ke ili sukcesis saboti tiel ĉirkaŭ centmil arbojn. Por plenigi la basenon oni intencas haki unu milionon da arboj kies plejmulto estas aŭtoĥtonaj, kaj endanĝerigitaj specioj.

*Snajpero*




*El la marta numero de ICEM-ESPERANTO ni ĉerpas la jenan tekston: Ĉu bona komenciĝo por la tria jarmilo ?*

## En kia mondo ni vivas ?

* 1,2 miliardo da homoj ne posedas sufiĉe da mono
* 850 milionoj estas analfabetaj
* 800 milionoj ne ricevas sufiĉe da nutraĵo
* Pli ol duono de la homaro vivas per malpli ol 2 dolaroj tage
* La vivnivelo de multaj evolulandoj falis je 15% dum la lastaj 30 jaroj
* 34,5 milionoj da homoj vivas mizere en Usono, 12 milionoj en Britio, 6 milionoj en Francio
* Pli ol 1 miliardo da homoj ne profitas de sanitaraj progresoj
* 11 milionoj da infanoj mortas ĉiujare pro malbonaj vivkondiĉoj
* 40 milionoj da infanoj vivas sen familia helpo
* 110 milionoj da infanoj neniam vizitas lernejon.

Ĉu ni devas daŭrigi la situacion de tiu mondo en kiu duono de la homoj ne ricevas nutraĵon, instruadon, kuracadon, loĝejon?
Estus insulto al homa digno.
Homaj korpoj kaj mensoj ne estas varoj.
Rezignacii!! Submetiĝi!!
Tiuj vortoj devas malaperi el nia vortaro.
Ni devas helpi niajn infanojn dum konstruado de socio el kiu malaperos milito, rasismo, diskriminacio, ekspluatado....

***

*El la sama numero oni povas mencii:*
*- Artikolon pri la infanaj rajtoj (Internacia Konvencio de 1989-*
*- Tekston de k-do Leo ROBERT pri: "Lernejo, loko kaj integriĝo";*
*- Raportaĵojn pri Bolivio, Tinus-Kaptado, Sanpiero kaj Mikelon, kaj aliajn...*
*Oni povas legi ilin mendante ekzempleron ĉe: Henri MENARD, 1, rue Galissonière, FR-44330 Le Pallet, Francio.*

# ARMITAJ FORTOJ EN EŬSKIO

Laŭ enketo de *Amnistiaren Aldeko Batzordeak*(1) kaj *EUDIMA* (2), nuntempe en Eŭskio estas lokitaj 23000 policistoj kaj militistoj. Tiu trupkvanto estus dividita tiamaniere en Suda Eŭskio: 5456 civilgvardioj, 2774 naciaj policistoj, 3950 militistoj, 7500 *ertzain* (3), 250 foruaj policistoj (4); en Norda Eŭskio estas ĉirkaŭ 2000 policistoj kaj armeanoj. Tiu ĉi enketo estas farita laŭ la informoj aperintaj en revuoj de la hispanaj Ministrejoj de Defendo kaj Internaj Aferoj.

Laŭ la informo aperinta en la revuo **Argia** de la 11.02.2001
Snajpero

NOTOJ:
(1) Komisioj por la Amnestio
(2) Grupigo de eŭskparolantaj urbestraroj
(3) *Ertzantza* = Polico de la Eŭska Aŭtonoma Komunumo
(4) Forua Polico (Polizia Foral) = Ĝi agas en Nafaro kies leĝa statuso reĝiĝas laŭ la Foruoj, antikvaj leĝoj hereditaj el la Nafara Regno.

# LA ITOITZ-BASENO

## Nova ĉapitro de politika orgojlo kaj sensenco

La Kunordigo de Itoitz denuncis ke la Hidrografia Konfederacio de la Ebro preparas provplenigon de la baseno, spite al informo kiu manifestas la geologiajn naturojn de la zono. Tiuj malebligas sekuran plenigon kaj riskigas la vivon de miloj da personoj kiuj vivas laŭlonge sub la bazeno.
La advokato de la KI substrekis la «kriman naturon de tiuj provoj», «la Ministrejo agnoskas ke pro la geologio oni ne povas respondeci pri kio okazos kiam la baseno estos plenigita». Sed la politikaj instancoj blindas kaj surdas antaŭ la denuncoj kaj opozicio. La situacio estas propra de frenezuloj orgojlaj kaj nekompetentaj kiuj pro sia obstineco riskas la vivon de miloj da personoj. Ties celo estas plenigi la basenon spite kio ajn, eĉ sen konsideri ke ekzistas juĝa decido kontraŭ tio. Plia fia estas la fakto ke ankoraŭ ne ekzistas akcidentplano. En Itoitz la alarmsignalo startis antaŭlonge kaj la respondeculoj ne povos poste argumenti nescion kiel en la Tous-, Aznalcollar-, Biescas- aŭ Melilla-aferoj.

## Ekzistas precedenco en Katalunio

La danĝera situacio kiu povus okazi en Itoitz estiĝis en Katalunio en baseno same konstruita de la HKE Spite al la longjara opozicio kaj la denuncoj kaj avertoj pro la malstabila tereno sur kiu situiĝas la baseno de Rialp (Lleida) oni komencis ĝin plenigi pasintjaran printempon. Tuj ĝi komencis malstabiliĝi kaj moviĝi kaj la akvo filtriĝis ĉien. La HKE devis verŝi la basenigitan akvon kaj tio provokis gravajn inundojn. Nun oni laboras injektante betonon sed ĝi same filtriĝas. Tiuj laboroj estas sekretaj kaj la zono estas severe gardata de la ĝendarmoj, same kiel en Itoitz kie la sekretismo estas eĉ pli suspektiga. Ke la situacio povas ripetiĝi estas ebla ĉar la ĉefroluloj estas samaj kaj ŝajne ili nenion lernis de antaŭaj spertoj.

*Snajpero*

(1) Itoitz = itojc
(2) Tous, Aznalcollar, Biescas, Melilla = toŭs, aznalkoljar, bieskas, malilja. Lokoj kie okazis gravaj akcidentoj pro rompiĝo de basenoj, foje kun mortintoj.
(3) Rialp, Llaida = rjalp, ljejda

PS: vidu ankaŭ artikolon paĝo 57

# Viaj reagoj....

## Granda konfuzo pri gejeco en Sennaciulo.

Petro Levi skribas (sennaciulo januaro 2001) ke «pederastiulo estas perversulo kiu senrespekte kaj senskrupule malamas junulojn». Kia strangaĵo! Samseksamulo, gejo aŭ pederastulo estas sinonimaj vortoj, kaj signifas «homoj kiuj amas personojn de la sama sekso». Tre simple ĉu ne?

Laŭ Petro Levi, gejeco kaj pedofilio estas la sama afero. Atentu bone ke multaj pedofiloj estas heteroseksualaj (ne samseksamuloj).

Tamen gejeco estas nek krimo nek malsano.

Atentu bone ke inter nia «diligenta kolegaro» multaj eminentuloj de nia verda komunumo estas multaj gejoj. Eble la sama proporcio kiu ekzistas en aliaj komunumoj. Ni forigu do antaŭjuĝon al gejoj.

SAT kiu estas progresema asocio devus inkluzive havi gejan frakcion.

Amike

*João Manoel Aguilera Junior*
*klubo@correionet.com.br*




SAT en Britio invitas vin al sia Jarkunveno kiu okazos de la 18-a ĝis la 20-a de Majo 2001 en bela kampara domo, kun bongusta abunda manĝaĵo kaj malstreĉa amika etoso. La gasto de la kunveno estos Princo Henriko Oguinye el Nigerio. Li parolos pri «Shell Oil kaj la popolo Ogoni» kaj pri «Islama Juro - Ŝaria». Krome estos politika kaj libra forumoj, diskutgrupoj, lingvo-kliniko kaj ĝuinda distra vespero.
Ĉiujn informojn donas: Derek Tatton, Wedgwood Memorial College, Barlaston, Stoke on Trent, Staffordshire ST12 9DG, Britio. Tel: 44-1782-372105.
Rete: <wedgwood.college@staffordshire.gov.uk>
Bonvenon al ĉiuj !

## Amnestio Internacia

Malliberuloj de Rekta Agado devas ĝui malliber-kondiĉojn antaŭviditajn de internaciaj normoj
Indekso AI :EUR 21/001/01
31-an de januaro 2001

«Elementoj pruvemas, ke traktado de malliberuloj de Rekta Agado kontraŭas internaciajn normojn» deklaris Amnestio Internacia merkredon la 31-an de januaro 2001, aldonante ke «franca registaro tuj decidu por solvi tiun situacion».

Joëlle Aubron, Nathalie Ménigon, Jean-Marc Rouillan kaj Georges Cipriani estis arestitaj en februaro 1987 kaj kondamnitaj en 1994 je pluraj punoj de dumviva malliberado pro politikecaj perfortaĵoj ĝis murdo. Tiuj kvar armitaj grupanoj de Rekta Agado pasigis plejparton de siaj dek kvar malliberjaroj en pli malpli strikta ĉelizolado. Tiu daŭra izolperiodo ege klarigus difektiĝon de fizika kaj psika sanstato (deprimo) konita ĉe almenaŭ du el tiuj malliberuloj.

Joëlle Aubron kaj Nathalie Ménigon, enkarcerigitaj laŭ aparte severa altsekureca traktado, transirigis en 1999 en punejon, kie malliberkondiĉoj konformindus al normaro. Ambaŭ malliberulinoj tamen ŝajne ankoraŭ estas sub rigoraj reduktoj pri komunikeblecoj interalie iliaj vizitoj kaj korespondado. Ili ankaŭ ne havas permeson aliri al komunaj zonoj de malliberejo.

En 1999, Nathalie Ménigon edziĝis kun Jean-Marc Rouillan, sed ne havis eblecon de tiam vidi lin. Ŝi suferas gravan deprimon kaj seriozajn kardiovaskulajn problemojn kaj ĵus viktimis du koratakojn. Ŝi ŝajne ankaŭ paraliziĝis je maldekstra flanko kaj spertas lingvoperturbojn. Georges Cipriani, mallibera en Ensisheim kaj ĉeestinte iujn tempojn en psika hospitalo, ŝajne perdis progresive sian psikan sanon kaj eĉ ne plu konscius, ke li kuŝas en malliberejo. Gardistoj esprimis sian zorgon pri lia sanstato.

Jean-Marc Rouillan, enkarcerigita en Lanemezana malliberejo kaj Joëlle Aubron komencis malsatstrikon komence de januaro por atentigi pri situacio de Georges Cipriani kaj Nathalie Ménigon.

Amnestio Internacia delonge esprimas sian zorgon pri malliberkondiĉoj de la Rektagad-anoj. La organizo de defendo al homaj rajtoj opinias, ke daŭra izolado povas noci psikan kaj fizikan staton de malliberuloj kaj ke iukaze tiu reĝimo egaleblas al kruela, nehoma aŭ aĉiga mistraktado. En 1988, Amnestio Internacia serĉis havigi klarigojn ĉe ministerio pri justico sekve de informoj pri ilia izoligado dum daŭraj periodoj. En 1998, la organizo ripetis sian peton ĉe ministrino pri justico, ricevinte informojn laŭ kiuj, 12 jarojn post iliaj arestadoj kaj kvar jarojn post ilia kondamno, la kvar Rektagadanoj ankoraŭ submetatis al strikta izolado kaj severaj limigoj pri ilia korespondado kaj vizitoj. Iuj decidoj ŝajnis nur punigaj, kiel rifuzo permesi al Nathalie Ménigon havi katidon en ŝia ĉelo.

Amnestio Internacia ricevis neniun respondon al tiu letero.

## Broŝurservo de SAT

De1968, kiam kreiĝis la broŝura serio, ĝis la jaro 2000, aperis pli ol 200 diversaj broŝuroj. Disponeblajn vidu en la SAT-Adresaro. La prezoj, en Eŭroj, inkluzivas la afrankon kiam la mendo superas 25 Eŭrojn. Se la mendo malsuperas 25 Eŭrojn: aldoni la afrankon (20%). Libroservoj ĝuas 20%-rabaton. Abonatoj de Laute!: 50%-rabaton por la broŝuroj signitaj per (*).

**ELDONADO DE NOVAJ BROŜUROJ**

Por iu ajn (unuopulo aŭ asocio), la broŝurservo povas eldoni je favoraj prezoj, kadre de subskripcioj aŭ se la verkinto mem financas. Skribu por prezenti vian projekton.

## El la SAT-sidejo

67 avenue Gambetta,
FR-75020 Paris
Tel: +33.1.47.97.87.05,
Fax: +33. 1.47.97.71.90
Rete: satesper@noos.fr

## FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke en la jaro 2001 ni povos eldoni ĝin. Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-

La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :
n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".
Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

## ANTAŬPAGO POR NOVA P.I.V.

Dum la kongreso en Moskvo, SAT decidis ebligi antaŭpagon de la nova P.I.V. al individuoj kaj al libroservoj je pli favora prezo. Oni povas antaŭpagi jene:

- individuoj - 60 Eŭroj
- libroservoj - 50 Eŭroj

La normala vendoprezo estos verŝajne 70 Eŭroj.
Ni ne povas ankoraŭ indiki la ekspedokoston ĉar ĝi dependas de la pezo.
La antaŭpagon oni povas fari rekte per ĝiro de la sumo al la poŝtkonto de SAT: n° 1234-22 K, Paris indikante la celon de la pago kaj vian adreson.
Ankaŭ oni povas pagi al la SAT-konto ĉe UEA: **satx-s** kun la samaj indikoj.

**HELPO AL LA ASOCIO**
**En Francio (FRF)**: Dawidowicz 40,00;

**FONDUSO PIV**
J. Bes 90,00 FRF; Ferroul 1000,00 FRF; Aldo Chiaruttini 25.000 ITL; Claude kaj Andrée Gacond 1000,00; Nordlof 300,00 SEK; anonime 540,00 FRF; M.P. 500,00 FRF;

## NOVALIĜOJ

35.476 *CUNNAC Joelle, Le Petit Creusot, FR-71190 Mesvres, Francio
35.477 RAFFO César, Coronel R. Falcon 4067 Dpt° M, AR-C 1407 GSO Buenos Aires, Argentinio
35.478 *ANDO Yukari, Izuminomati 3-12-20, JP-920-8034 Kanazawa, Japanio.
35.479 *PARIS Yolande, 8 rue de Normandie, TOISLEY, FR-27320 St. Germain s/Avre, Francio
35.480 HERBETTE Ch. Domaine des 7 Fonts, Ancien Passage à Niveau, FR-34300 Agde, Francio
35.481 BERNARD Francis, Les Bories Col de Coperlac, FR-48210 Mas St. Chely, Francio
35.482 TOĴO Joŝijuki, Misumityo 12-53, JP-253-0023 Tigasaki, Japanio
35.483 *MARKOV Flora, 61 Boulevard Vauban, FR-78180 Montigny-le-Bretonneux, Francio
35.484 *BERNARDIN Marie-Antoinette, 6 rue Lieutenant Léonard, FR-88000 Epinal, Francio
35.485 *VIDAL Madeleine, 2 rue Octave Mirbeau, FR-34500 Beziers, Francio

**NEKROLOGO**

En Rotterdam, (NL) mortis la 21-an de januaro, 89-jara, nia malnova membro, kamarado
**Jochem QUISPEL (matr. 23.863)**
Li aliĝis al SAT kune kun sia frato Willem, kaj ili ambaŭ multe aktivis por SAT kadre de la SAT-grupo en Rotterdamo. Ni kondolencas al lia edzino Annie, liaj infanoj kaj al la Roterdama SAT-grupo.

*********

En Amsterdamo (NL) mortis nia malnova membro, kamaradino
**G. LALK-BEEKMAN (matr. 32.015)**
Ni kondolencas al la familianoj.

*********

La 8-an de februaro mortis en Sotteville les Rouen (FR), 89-jara, nia malnova membro, kamarado
**René LEPRETRE (matr. 21.532)**
Ni kondolencas al liaj familianoj.

*********

La 16-an de februaro mortis en Budapeŝto (HU) nia malnova membro, kamarado
**BODNAR Istvan (matr. 32.031)**
La enterigon ĉeestis d-ro Molnar Mihaly kiel reprezentanto de SAT. Lia forpaso kaŭzis doloran perdon en la hungarlanda SAT-Movado. Ni kondolencas al liaj familianoj kaj gekamaradoj.

*********

La 11-an de februaro mortis ( 87-jara) en Nyons (FR) nia malnova membro, kamaradino
**Pierrette PIALLA (matr. 23.087)**
Ni kondolencas al ŝia filo Alain (nia k-do en Rillieux-la Pape) kaj al familio.

# FILATELO

*Ni jam skribis pri la landoj kiuj eldonis la unuajn E-poŝtmarkojn, t.e. Sovetio kaj Brazilio. Nun ni studos la PM eldonitajn post la dua mondmilito kaj unue tiujn de Bulgario. Por la filatelistoj, ni ĉiam citos la numeron de la PM en la katalogo Yvert.*

La unua bulgara E-PM aperis la 16.06.1947 okaze de la kongreso de la Bulgaraj esperantistoj kaj 60-a jubileo de Esperanto. Temis pri PM je 20+10 levoj kiu prezentas verdan stelon sur purpura mapo de Bulgario; kun teksto en Esperanto «1887 Esperanto 1917» 30-a Jubilkongreso 1947».( n° Yvert 547).




Dek jarojn poste, t.e. la 27.07.1957, venis dua E-PM okaze de la 50-jara datreveno de Bulgara E-Asocio. Kun valoro je 44 stotinkoj ĝi prezentas la urbon Tirnovo kaj dekstre portreton de dr. Zamenhof sur fono grizverda. La teksto en Esperanto anoncas «50 jaroj de Bulgara E-Asocio - 70 jaroj de Esperanto (n° Yvert 895).




La tria E-poŝtmarko estis eldonita la 14.12.1959, ĝuste por la 100-jara datreveno de la naskiĝo de d-ro Zamenhof. Malhele verda, ĝi valoras 1,25 levoj kaj montras portreton de Zamenhof kun teksto en Esperanto «1859-1959 Zamenhof aŭtoro de Esperanto» (Yvert n° 995)

Reeldono de la dua PM aperis la 14.07.1962 en koloro grizverda kun ruĝe surpresita valoro je 13 stotinkoj, kaj ankaŭ surpresita teksto en la bulgara «XXXV Kongreso 1962». Ĝi do anoncas la 35-an Bulgaran Nacian Kongreson. (Yvert n° 1152)




La Universala Kongreso estis la temo de la 5-a Bulgara E-PM, eldonita la 29.06.1963 kun valoro je 13 stotinkoj. la koloroj estas verdgriza, bruna kaj flava kun verda stelo kaj teksto en Esperanto kadre ĉirkaŭ la PM «48-a Universala Kongreso de Esperanto Sofio 3-10.VIII.1963» (n° Yvert 1193.




Denove, Universala Kongreso vekis la 6-an Bulgaran PM, la 13.07.1978. sama valoro 13 stotinkoj kun koloroj purpura, verda kaj ruĝa. Ĝi prezentas la urbon Varna kun verda stelo kaj litero E. La teksto en Esperanto estas: «63-a Universala Kongreso de Esperanto. Varna 29.VII-5.VIII 1978» (Yvert n° 2405).




Kompreneble, Bulgario ankaŭ festis la 100 jarojn de Esperanto per eldono la 12.02.1987 de ĝia sepa E-PM kun ĉiama valoro je 13 stotinkoj kiu prezentas nigreverdan portreton de d-ro Zamenhof kun du tergloboj sur flava fono. La teksto en Esperanto kaj en la bulgara estas simple»1887 Esperanto 1987» (n° Yvert 3070).




La lasta kaj 8-a E-PM de Bulgario estis eldonita dum 1989 por festi 100 jarojn de E-Movado en Bulgario, kun valoro je 10 stotinkoj. Ĝi prezentas du verdajn bendojn kiuj ondumas sur flava fono kun verda stelo. La teksto en Esperanto kaj en la bulgara estas:»100 jaroj EsperantoMovado en Bulgario». (n° Yvert 3298).




## *LA FENIKSO*

*El cindroj de memo*
*Brulinta je ĝemo*
*Pri kien la mondo iregas,*
*Aperis jam io*
*Pro morta vizio,*
*Kaj jene ĝi al ni diregas :*

*"Jes ja, mi forpasis,*
*Sed ne vin forlasis;*
*Do, ĉesu funebri - nun festu !*
*Nun per miaj vortoj,*
*Eĉ por viaj fortoj,*
*Feniksa sorado atestu!"*

*Preninte inspiron*
*Responde la diron*
*Dediĉas sin ĉiu ĉi tie*
*Al unu estonta,*
*Finfine venonta*
*Regnaro pontlingva ĝis ĉie.*

*Kaj super la fumo,*
*De supre de lumo,*
*La voĉo denove alvokas:*
*"Fenikso ni iĝu!*
*Ni kune leviĝu!*
*Al vi mi nur padon malblokas."*

*Neniam ni ploros,*
*Neniel angoros,*
*Se iu nin premos ekscese.*
*Ĉe tiom da servo*
*Plus ĉiom da nervo,*
*Ignoros ni tiun senĉese.*

*Kaj el la ĥaoso*
*De tia etoso,*
*Aŭdiĝos ekkrio ravanta :*
*"Fenikso ni estu!*
*Fenikso ni restu -*
*Ĉar estas futuro savanta!"*

*Tiun ĉi poemon oni hazarde trovis en ekzemplero de la Esperanta Antologio, tamen en formo de ĉifraĵo pli-malpli latinlitera kaj aĉe manskribita sur libera folio de kajera papero. Post deĉifrado ree en Esperanton, ŝajnas, ke ĝi estas produktaĵo de iu periodo post la dua mondmilito - pro la uzoj kaj signifoj de "sorado", "padon", "nervo", "etoso" kaj "futuro". Nu, ĉu vi rekonas ĝin?

*De la deĉifrinto (D.J. Dornmonteto)*

# SAT-LIBROLISTO

| TITOLO | PREZO en Eŭroj |
|---|---|
| Communication linguistique | 4,57 |
| Diction. de poche | 4,27 |
| Diction. pratique | 12,20 |
| Diction.pratique - nova | 22,87 |
| Frateco en vivpraktiko | 1,07 |
| Grand Dict. Esp. Fran. | 22,87 |
| Infanoj de la malriĉuloj | 3,05 |
| Interesa arkeologio | 4,57 |
| Japanaj vintraj fabeloj | 6,86 |
| Junulkurso | 6,10 |
| Junulkurso-kasedo | 6,86 |
| Komentoj al Komunista manifesto | 1,07 |
| Komentoj JK-francaj | 1,22 |
| Komentoj JK-hispanaj | 1,22 |
| Kristanismo kaj patriotismo | 1,07 |
| La fremdulo | 9,15 (nova) |
| La kolektiveco | 6,10 |
| Laborista movado Esperantista antaŭ mondmilito | 1,07 |
| Lanti pri sennaciismo | 1,07 |
| Manifesto de sennaciistoj | 1,07 |
| Natura nutrado | 1,07 |
| Ne plu ludo | 3,05 |
| Nia teatro | 1,07 |
| Nouveau Cours Rat. (bind.) | 9,15 |
| Nouveau Cours Rat. (broŝ.) | 8,38 |
| Nouveau Cours Rat. Kasedo | 6,86 |
| Nuna stato de evoluismo | 2,74 |
| Petro | 1,22 |
| PIV | 64,03 |
| Poemo de plugisto | 1,07 |
| Profeto | 1,07 |
| PV | 22,87 |
| Revolucio de Ĉinio | 2,29 |
| SAT-ana anĝelo | 6,10 |
| Scienco kaj pseŭdoscienco pri heredoj kaj rasoj | 1,07 |
| Sepmil tagoj en Siberio | 21,34 |
| Skizo de ekonomia... | 2,29 |
| Une humanité, une langue | 2,29 |
| Vivo de Lanti | 11,43 |
| Vojo al scienco de estonto | 1,07 |
| Vortoj de kamarado Lanti | 2,74 |
| Vualo de l'Silento | 10,67 (nova) |
| Ĉu socialisma libereco ... | 1,07 |

Al tiuj prezoj aldoniĝas ekspedkostoj laŭ la aktualaj poŝtaj tarifoj.

Por libroservoj jena rabato :
PIV kaj eldonoj de SAT-Amikaro : 25 %
Aliaj SAT-eldonoj : 30 %

Por mendoj el la landoj de Eŭropa komunumo ni devas fakturi francan takson se ili ne posedas numeron AVI.

## ANTAŬMENDANTOJ DE LA NOVA P.I.V.

Noto de la redakcio : Ĝis la februara numero aperis la nomoj de unuaj antaŭmendantoj de PIV. Nun ni daŭrigas la liston.

Amika E. Rondo, Beauville,
Angelal M.
Asocio Esperanto 22,
Aumeunier
Baboski V.,
Bannier J.,
Bondy Esperanto
Bouchet R.,
Boulton M.,
Boyet F.
Bros C.,
Calogero R.G.
Centre Cult. Esp. Dijon
Chassard G.,
Cueno R.,
De Seabra M.
Dopolavoro Ferroviario,
Ensuque L.,
Frangeul A.
Gacond C.
Gbeglo K.,
Gibaux J.
Glossop R.I.
Green W.
Guery M.
Heiss H.
Hollinger M.,
Houlgatte A .
Huberdeau A.,
Jahger F.,
Jorgos
Kersting K.H.
Kolker B.
Kratochvil K.,
M.J.C. Avignon,
Masseron O.
Masson H.,
Miller I.A.
Muzeo Gray
Nagoya Esperanto-Centro,
Orellana Rojas A.,
Parra L.M.
Pinardon C.,
Prent A.,
Probal D.
Rapley J.,
Raurich,
Rooke D.,
Royer P.,
Sanz Sanz,
SAT-Amikaro
Scherm M.,
Schumann H.,
Serrano Perez L.,
Toubale M.F.
Vaatz A.,
Velez Ortiz J.I.,
Venezuela E-Asocio,
Vince F.
Westerhoff B.,

### CERBAJ IMPULSOJ

☛ La laboro kreis homojn kaj la homoj - senlaborulojn postulantaj panon kaj laboron.

☛ Nun ni ne plu legas inter la linioj, sed inter la TV-bildoj.

☛ La jaroj pasas rapide, sed malrapide la tagoj en la monato atendante salajrojn kaj pensiojn.

☛ Nur la Andersena infano kuraĝis diri la veron : «La reĝo estas nuda!»

☛ Ornamitaj mensogoj aspektas pli bele ol nudaj veroj.

DoMo




# 74-a Kongreso de S.A.T.

14.07.-20.07.2001
en Nagykanizsa, Hungario

Organiza Kongresa Komitato (OKK) :
Prezidanto : Tibor SZABADI, PF 66, HU-8801 Nagykanizsa.
retadreso: <esptibor@pro.hu>, Tel. +36.93.314.377.
Sekretario : Béla KOVACS, Béla kiraly u. 44, HU-7400 Kaposvar.

Kotiztabelo (ĉiuj prezoj en Francaj Frankoj kaj € )

| Kategorio | 31.05.2001 | poste |
|---|---|---|
| SAT-membro | 430 FRF/66,15€ | 500 FRF/76,92€ |
| SAT-geedzoj | 690 FRF/106,15€ | 800 FRF/123,08€ |
| SAT-gejunuloj | 215 FRF/33,08€ | 250 FRF/38,46€ |
| nemembroj de SAT | 530 FRF/81,54€ | 600 FRF/92,31€ |
| gastoj-geedzoj | 840 FRF/129,23€ | 950 FRF/146,15€ |
| gastoj-gejunuloj | 285 FRF/43,85€ | 330 FRF/50,77€ |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- ❑ La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- ❑ La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- ❑ La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

## Praktikaj informoj pri Hungario

**VIZO :** La vizon por eniri Hungarion bezonas jenaj landoj: Albanio, Turkio. Tiuj, kiuj bezonas invitleteron nepre anoncu sin ĉe la OKK.

**MONO** : Oni rajtas enporti en Hungarion maksimume 350.000 HUF kaj la eksterlandajn valutojn senlime.

La mono en Hungario estas HUF (Hungara Forinto). Unu forinto konsistas el 100 fileroj. Nun validaj monbiletoj estas de : 200, 500, 1000, 5000, 10000 kaj 20000, kaj la moneroj:
1, 2, 5, 10, 20, 50 kaj 100 forintoj. Oni povas uzi diversajn kreditkartojn pere de monaŭtomatoj. Internacie konverteblaj valutoj estas ŝanĝeblaj en ĉiuj bankoj, memstaraj monŝanĝejoj, poŝtoficejoj kaj hoteloj. Momenta kurzo: 1 € = 266,58 HUF

**TEMPO** : Estas mezeŭropa tempo.

**ELEKTRO** : La tensio estas 220 volta, la kontaktiloj estas ĝenerale dupolusaj.

**TELEFONADO** : La landa vokkodo estas 36. La kodo de la urbo Nagykanizsa estas 93.

**VETERO** : Somere la vetero estas tre varma, inter 28 kaj 32° C. La publikaj lokoj, krom altklasaj hoteloj, ne estas bone klimatizitaj.

**POŜTAFRANKO** : Por leteroj ĝis 20 gr. - al najbaraj landoj 36 HUF, al Eŭropaj landoj 140 HUF kaj al aliaj landoj 150 HUF. Aviadile oni aldonas 14 HUF. Poŝtkartoj kaj bildkartoj en tri kategorioj: 28 HUF, 90 HUF kaj 100 HUF.



Nia kongresejo

**LABORHOROJ** : Oni ĝenerale laboras inter la 8h00-16h00. Tio estas laborhoroj de bankoj. Magazenoj laboras iom pli longe.

**RELIGIO(J)** : La ĉefa religio estas romkatolika, sed ekzistas ĉiuj aliaj konataj religioj en Hungario.

**LOĜANTARO** : 10.500.000 geloĝantoj, ĉefe Hungaroj, sed estas minoritatoj el najbaraj landoj. La oficiala lingvo estas la hungara. Oni uzas la anglan kaj germanan lingvojn. Esperanto estas pozitive taksata kaj en la Budapeŝta universitato ELTE oni povas doktoriĝi pri Esperanto.

**LA KONGRESEJO** : Ĝi troviĝas en la centro de la urbo kaj ĉio estas atingebla en la rondo de diametro de unu km. Do, ĉio estas atingebla piede.



## Eventuala grupa vojaĝo trajne al Nagykanizsa

Pluraj gekamaradoj petis ke estu organizita grupa vojaĝo de Parizo ĝis Nagykanizsa. Jen la solvo kiun proponas la PK de SAT.

1. grupa vojaĝo - minimume 10 personoj per vagonaro.
2. Prezo : inter 1000 kaj 1250 FRF (+ kuŝloko)
3. Foriro de Parizo vendrede la 13-an de julio 2001 je la 17h49.
Alveno al Budapeŝto: sabate la 14-an de julio 2001 tagmeze.
4. Reveno: foriro de Budapeŝto sabate la 21-an je la 17h00
Alveno al Parizo la 22-an je la 10h22.

Inter Budapeŝto kaj Nagykanizsa cirkulas regule trajnoj. Nun la someraj horaroj ne estas konataj. Ni komunikos ilin ĝustatempe al la gekamaradoj interesataj de tiu propono.

Interesatoj bonvolu tuj anonci sin al la SAT-Centro por ke ni povu definitive decidi.

Atentu: tiu projekto ne koncernas tiujn, kiuj poste iros al UK en Zagrebo

## MEMORIGO

Ni memorigas al niaj membroj, ke oni povas aliĝi al la kongreso eĉ se oni ne povas fizike partopreni ĝin. Tiu kiu pagas kongreskotizon ricevos kongresmaterialon, kaj per tiu gesto li/ŝi finance subtenos nian jaran aranĝon. Tamen, estas pli bone se oni povas vojaĝi kaj partopreni en la kongreslaboroj. Ja ni bezonas vin, ĉar en nia Asocio estas vi kiuj decidas kaj ne la «estraro». Ankoraŭ estas tempo por aliĝi - do ne atendu la lastan minuton. La evoluo kaj la estonto de SAT kaj de la Laborista Esperanto-Movado dependas de vi. Ni invitas ĉiujn esperantistojn kiuj interesiĝas pri la pli bona estonto kaj pli deca, pli homa vivo de ĉiuj, aliĝi al SAT. Ni povos ion fari kaj sukcesi nur ĉiuj kune. Informiĝu pri SAT ĉe niaj landaj perantoj aŭ rekte ĉe la sidejo de SAT.

DANKON PRO INFORMO

Post nia peto en la februara Sennaciulo, nia k-dino Delia PICK el Hamburgo informas nin:

*«Nun mi povas informi vin, ke la artikolo «Lingva ĵamado» aperis en la germana revuo «STERN» n° 36 de la jaro 1999. La aŭtoro nomiĝas Jürgen Steinhoff kaj la artikolo estas tradukita de la hamburga esperantistino Monika Jessel.*

S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## POR JUNAJ SAT-ANOJ

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | ILO |
| 2 | | | | | | ILO |
| 3 | | | | | | ILO |
| 4 | | | | | | ILO |
| 5 | | | | | | ILO |
| 6 | | | | | | ILO |
| 7 | | | | | | ILO |
| 8 | | | | | | ILO |
| 9 | | | | | | ILO |
| 10 | | | | | | ILO |
| 11 | | | | | | ILO |
| 12 | | | | | | ILO |
| 13 | | | | | | ILO |
| 14 | | | | | | ILO |
| 15 | | | | | | ILO |
| 16 | | | | | | ILO |

Ĉiuj vortoj finiĝas per - ILO. Temas pri IL-sufikso montranta instrumenton, aparaton, rimedon. La literoj inter la krampoj estas komencaj literoj de la vortoj.

**Horizontale:** 1. (P) Substanco por glatigo de krudaj surfacoj; 2. (S) Ilo por ripetaj movoj tien kaj reen; 3. (R) Ilo por ebenigo de ligno aŭ metalo; 4. (A) Aparato por atentigo pri malbona funkciado de io; 5. (S) Pinta ŝtala ilo por marki linion sur la laborpeco; 6. (A) Aparato por malpliigo de la tensio; 7. (R) Aparato taŭga por selekti elektromagnetajn ondojn; 8. (S) Ilo por oficiale marki la dokumentojn; 9. (S) Ilo por estigi pli daŭran sonadon; 10. (A) Aparato por averto pri danĝero; 11. (F) Taŭga ilo por purigo de likvaĵoj; 12. (K) Apartigilo por subtilaj eroj; 13. (A) Instrumento por difini la spacon inter du samebenaj rektoj; 14. (A) Aerportata veturilo; 15. (B) Taŭga ilo uzata por voĉdonado; 16. (A) Ilo por alĝustigo de muzika instrumento.

**Vertikale :** Signitaj lokoj: Organo de la Anarkiista frakcio de SAT.

Prizorgas: I. Moĉilnik